# LA VERDA LUPEO




## *Informilo de ELF/AREK*

*Aprilo 2013 (45a jaro) N-ro 162*

*Esperanto Ligo Filatelista / Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj*

**Redakcio: Rudolf Burmeister Max-Müller-Str. 86 DE 09123 CHEMNITZ**




TUTMONDA POLICA LIGO („T. P. L.")






**August de Marich**
**Fondinto de T. P. L.**



**Arthur Troop**
**Fondinto de I P A**

**SERVO PER AMIKECO**

**Tre karaj kaj estimataj Elf-Arek-anoj!**

Kiel vi scias, nia kasisto Rolf Beau de pluraj monatoj malbone fartas.
Krom la doloro pro malsaniĝo de amiko kaj kunlaboranto, aldoniĝas ankaŭ kunligitaj problemoj, nome la administrado de la Liga kaso. Kiu - atende de lia resaniĝo kaj reenposteniĝo – okupiĝos pri ĝi? Plie ne facilas surpreni tian taskon, sen ricevi priajn informojn, klarigojn ktp. Cetere neniu, escepte de li mem, havas aliron al la mono en la kaso. Sed tiu problemo por la momento elteneblas, ĉar nun plej urĝas nur mono por presado kaj sendado de la aprila LA VERDA LUPEO.
Je ĉi punkto ekestas demando: ĉu tiuj, kiuj havas retadreson, akceptus ĝin ricevi rete kaj mem presi aŭ – pli simple – arkivi ĝin, pdf-formate, en sia komputilo? Tiamaniere ELF-AREK ŝparos la kostojn de papero, presado kaj ekspedo. Nu, ĉi tiun proponon vi povus repuŝi dirante ke, tiakaze, oni devus malpliigi la kotizkostojn al la retadresotoj. Bedaŭrinde tio ne estas akceptebla, ankaŭ pro la fakto ke nia membrokotizo ne estas tiom astronomie alta, kio ne aparte grave influus sur la pleno aŭ malpleno de onia monujo, kaj plie memoru ke la jara kotizo ne ŝanĝiĝis ekde decembro 2004 (nu, antaŭ 9 jaroj!!!), dum ĉiuj aliaj kostoj (papero, presado, ekspedo...) ege plialtiĝis.
Ĝuste ĉar mi parolas pri kotizoj, mi tuŝas pli profunden tiun delikatan temon. Atente kontrolante kaj la lastajn konteltirojn kaj liston de la paganta (aŭ nepaganta) membraro, kiujn mi estis ricevinta de nia kasisto, mi rimarkis, ke pluraj el vi, kiuj ja ricevadas nian organon kaj – esperēble! – almenaŭ legas ĝin, ankoraŭ ne pagis la membrokotizon por nuna jaro 2013-a, kaj inter tiuj eĉ estas kelkaj kiuj jam de unu aŭ du jaroj ne pagas ĝin.

Do, al tiuj kiuj ankoraŭ ne estas pagintaj por 2013, mi ŝatas montri min komprenema kaj indulga, kaj pensi ke temis pri simpla forgeso, kaŭzita de troa okupiteco, sed la aliajn, ankaŭ pro tiu respekta sento al tiuj kiuj ĉiam akurate kaj regule pagis, mi simple demandas: "Ĉu vi ne plu intencas esti membro de ELF-AREK? Se tiel estas, kial vi ne informis nin, kial vi ne sendis kelkajn demisiajn vortojn, tiel ke estu forstrekita via adreso el la listo de LVL-ricevantoj? Tre simpla faro, ĉu ne? Kaj ni estus ŝparintaj monon, dum vin ni ne plu estus ĝenantaj per tiu revueto, pri kiu entute vi ne interesiĝas!" Vi povus kontraŭdiri, ke neniu petis la redaktanton daŭrigi la sendadon al nepaganta membro, sed vidu, ankaŭ filatelistoj-esperantistoj estas iom naivaj, ni daŭre esperis ke temis pri dumtempa forgesemo, pri malatento, pri... ba!!!
Por fini, mi deziras peti vin, pripensi pri jena, kroma problemo, eĉ problemego, kiu povus endanĝerigi la pluekzistadon de nia historia ELF-AREK: jam de jardekoj nia kara, sperta, redaktanto Rudolf Burmeister prizorgas la publikigon de LA VERDA LUPEO. Li ĉion faris/as: pretigas artikolojn, tenas kontaktojn kun multaj aliaj membroj por esti ĝisdatita pri novaj esperantaĵoj. Kiam pretas la koncerna ekzemplero, li mem portas ĝin al presejo, tien iras por repreni la faritaĵojn, enkovertigas, algluas etikedojn kaj poŝtmarkojn, ekspedas... ĉionfaranto li estas, kaj ĉiam li trovas ion novan por prezenti al ni, liaj legantoj. Mi ne estas flatemulino, nur diras la veron. Sed mi ja scias, ke aĝo komencas pezi sur liajn ŝultrojn, krome kun aĝo venas kelkaj sanproblemetoj, kiuj certe ne helpas en lia laborado. Venis la momento ke ni kune trovu anstataŭanton, por ke lia laboro ne forvaporiĝu, LI NE MERITAS TION!!!
Pripensu, sugestu, proponu, se vi kredas ke valoras antaŭeniri sur tiu ĉi vojo cele al pluvivado de nia Ligo.

Respektoplene, Via prezidanto Elda Doerfler

# El la historio de I P A

**Enkonduko de la ekspolicisto Horst DEITRICH por sia eksponaĵo pri „ Polico kaj Filatelo“ (Originala teksto en la germana)**




**Koverto de Tutmonda Polica Ligo en kolekto Deitrich**

**„La unuaj spuroj de internacia polica unuiĝo videblas en la Esperanto-movado.
Jam en la jaro 1908 la aŭstria-hungaria polica oficisto A. H. de Marich eldonis la Esperanto-gazeton „POLICA REVUO“.
Post la 7a Universala E-Kongreso en Antverpeno/Belgio okazis 1911 la fondiĝo de la „INTERNACIA ESPERANTISTA POLICA ASOCIO“ kun la organo „INTERNACIA POLICA BULTENO“.
La 1a Mondmilito finigis la agadon.
En 1922 Marich reaktiviĝis kaj eldonis „LA POLICISTO“.
En la kadro de la 15a UK en Nürnberg okazis 3.8.1923 je iniciato de Marich la fondiĝo de TUTMONDA POLICA LIGO (T. P. L.)
Ĝia devizo estis la sama kiel tiu de la nuna I P A : SERVO PER AMIKCO.
La celoj de T P L stis la samaj kiel tiuj de la nuna I P A.
En 1932 la franca policisto Antoine Schwartz fondis en Francujo kaj Nederlando Polican Esperanto-Ligon.
La spuroj de T P L perdiĝis en la 2a Mondmilito.“**

## International Police Association
## (Internacia Polica Asocio)




**Fondita 1950**
**de polica serĝento**
**Arthur Troop**
**380 000 membroj**
**en 60 landaj**
**sekcioj.**

**Aŭstralio 1986**
**Tutaĵo-koverto kun spec. IPA- poŝtmarko**
**kun la slogano SERVO PER AMIKECO**




**2006: Memorkoverto el Rumanio**
**Eldonita memore al la dekjara jubileo**
**de la rumana IPA-sekcio**
**kun la E-lingva devizo SERVO PER AMIKECO**




# Individuaj pm-oj en Nederlando: 60 jaroj IPA-sekcio

**La nederlanda sekcio de I P A en sia retbutiko ofertis (februaro 2013) 2 individuajn poŝtmarkojn kun la emblemo de I P A kaj kun la E-lingva slogano SERVO PER AMIKECO. Ili validas por afranki enlandan leteron (kategorio 1). En unu folio estas 10 markoj. Prezo: 8.35 € plus afranko- kaj ekspedokostoj.**







**En decembro 2012 aperis tiu kun la ret-adreso de I P A NL kaj en januaro 2013 tiu kun la granda I P A-emblemo. Ambaŭ multkolore sur gumita papero.**




**2006 Rumanio Tutaĵokoverto kun la IPA-emblemo en la pm memore al la dekjara jubileo de la rumana IPA-sekcio**




## 1973 E-tema tutaĵo-poŝtkarto „7a IPA-kongreso“

**Svislando 1973 kun pm „40 (jaroj) Interpol“**
**Teksto: 7-a IPA-kongreso en Montreux (Svislando) (29.-30.5.) 1973**
**Surpresita IPA-emblemo kun slogano SERVO PER AMIKECO**
**Trovita 2012 en reta aŭkcio.**




## 1984 E-tema tutaĵo-poŝtkarto „25 jaroj IPA Aachen“ kun E-tema stampo

**Temo: 25a jarfesto de IPA-sekcio Aachen (Germanio)**
**Bildo en la pk: Urba panoramo, emblemo de IPA kun la slogano**
**SERVO PER AMIKECO**
**Teksto en la pk: 10 – 13.5.1984 25 (jaroj) IPA Aachen**




## E-Asocio de Finnlando 1907 – 2007

**Jam 2006 aperis en Finnlando tiu ĉi jubilea individua E-poŝtmarko.**
**Ĝi validas por afranko de unuaklasa letero.**
**Mendis ĝin la tiama prezidantino de EAF s-ino Anna Margarita Ritamäki.**
**En ĝi videblas la teksto:**

**KOMUNIKADO**
**E-Asocio de Finnlando 1907 – 2007**

**La ilustraĵo montras 6 komunikantajn pupojn**
**Eldonkvanto: 24 kajeretoj kun po 8 markoj.**
**Desegnis: Francisko Veuthy.**




## ESPERANTO 125 1887 – 2012

**Pri ĝi ni jam informis en nia LVL 160, p. 11**

## Esperanto-flago kun krokodilo

**Ĝin trovis s-ro Bogenschneider kaj informis pri ĝi.**
**Kiu ĝin mendis estas nekonata.**
**Eble s-ino Ritamäki.**
**Eble la besto ne estas krokodilo sed iu fantazia besto...**
**Tiu marko jam ne estas trovebla.**

**Ni kore dankas al s-ro Bogenschneider.**



## Individuaj poŝtmarkoj en Brazilo

de Pekim Tenorio Vaz, Manaus-AM, Brazilo, 28/Nov./2012

…...En Brazilo jam de kelkaj jaroj eblas publikigi individuajn poŝtmarkojn kaj per tiaj objektoj mi iomete omaĝas:

a) grandajn esperantistojn – pioniroj de la movado, kreintoj de organizoj kaj aliaj;
b) la ĉefajn nuntempajn kaj pasintajn E-gazetojn, kaj
c) kelkajn E-organizojn, ekzemple, TEJO, KSM, SAT, ktp.

Mi desegnas la poŝtmarkojn per la softvaro CorelDraw kaj fininte la laboron mi sendas ĝin en la formato "*.png" (sed la filatela oficejo akceptas "*.jpg"-n, "*.tif"-n, ktp.). Kelkfoje mi uzas fotojn por farigi pli allogaj la bildojn, ĉi-kaze oni devas havi la rajton aŭ permeson koncerne la publikigadon de la fotoj.

Laŭ la reguloj de la Brazila Poŝto (E.C.T.), la projekto de ĉiu poŝtmarko devas obei determinitajn kondiĉojn:
a) Ĉiu bildo/poŝtmarko devas prezenti la jenajn grandecojn: 3 x 4 cm, aŭ 4 x 3 cm;
b) La minimuma eldonebla kvanto estas 12 unuoj, kiuj konsistigas unu folion.
c) Oni pagas la poŝtmarkojn antaŭ ol ilin ricevi (ĝenerale la institucio konsumas 15 tagojn por ilin fari kaj sendi al la kliento). Ĉiu folio kostas nuntempe R$ 33,00 kiu egalvaloras al pli-malpli 13 Eŭroj.

Por farigi tiajn filatelaĵojn oni devas iri en poŝtan oficejon kaj subskribi specialan dokumenton, kiu donas al la E.C.T. ĉiujn rajtojn koncernajn al ontaj publikigadoj de la projektita poŝtmarko. Estas aldoninde ke E.C.T. ne donas al la kliento/desegninto ciferecan version de la publikigita poŝtmarko.

Nuntempe unu individua poŝtmarko havas afrankvaloron de R$ 1,20, sed la kliento pagas R$ 2,80, t.e. ĝi kostas pli-malpli 2,4 oble ĝian afrankvaloron, konsekvence, tio estas iom multekosta projekto. Alivorte, kiam oni ĝin uzas por pagi koston de korespondaĵo, oni perdas R$ 1,55 (ĉ. 0,58 Eŭroj) per ĉiu uzita poŝtmarko.

Ĉiu poŝtmarko estas akompanata de vinjeto, t.e., de bildo desegnita de la filatela oficejo de la landa Poŝto (ECT). Ĝi havas la saman grandecon de la poŝtmarko aŭ ĉefa bildo, kaj oni povas uzi la poŝtmarkon (ĝi ĉiam konsistas el du bildoj – unu farita de la kliento kaj la alia de la Poŝto mem) por afranki iun ajn korespondaĵon – sendotan al brazila loko aŭ al fremda lando.

Sur la klienta parto aŭ ĉefa bildo de la individua poŝtmarko oni povas desegni kaj skribi preskaŭ ion ajn (kompreneble oni ne rajtas montri rasismajn, krimajn kaj aliajn tiutipajn temojn), Rilate la vinjetojn la ECT ofertas ĉirkaŭ 20 modelo-foliojn. Kelkaj el tiuj folioj enhavas 12 unuojn de ununura bildo, kaj aliaj konsistas el 12 unuoj de 12 malsamaj bildoj.

**Mi jam pretigis poŝtmarkojn kiuj omaĝas:**

**a) Gazetojn: Literatura Foiro, Espero Katolika, La Verda Lupeo, Juna Amiko, La Ondo de Esperanto, ktp;**
**b) Organizojn: Bahaa E-Ligo, Koresponda Servo Mondskala, Sennacieca Asocio Tutmonda, TEJO, ktp.;**
**c) Verkistojn: István Nemere, Spomenka Ŝtimec, Ivan Ŝirjaev, Trevor Steel k.a.**
**d) E-pionirojn: de Argentino, Brazilo, Israelo, Japanujo, kaj lanĉos pri aliaj landoj.**




## Individua E-pm de UEA „Unua Libro“




**Por omaĝi la 125-an datrevenon de Esperanto, UEA jam duan fojon mendis ĉe la kompanio PostNL individuan pm**

**La nova montras la kovrilon de la Unua Libro, kun la teksto *Eerste leerboek Esperanto 1887-2012* (t.e. *Unua lernolibro de Esperanto 1887-2012).***

**Ĝi validas por afranki enlandan leteron.**

**La marko estas vendata ĉe la Libroservo de UEA en folioj de 10 markoj. Unu folio kostas EUR 6,00 (plus afranko)**

**La individua poŝtmarko pri la Unua Libro estas jam la sesa laŭ mendo de UEA. La temoj de la unuaj du markoj, aperintaj en 2008, estis la 93-a UK en Roterdamo kaj la 100-a datreveno de la fondo de UEA. Ili ambaŭ estas jam elĉerpitaj, sed plu haveblas la poŝtmarkoj pri la 150-a naskiĝtaga datreveno de L. L. Zamenhof kaj la 100-a naskiĝtaga datreveno de Ivo Lapenna eldonitaj en 2009. Ankaŭ ili estas vendataj en folioj de 10 markoj.**

## Ne nur la Gugla Esperanto-dudlo sur la U.S. ZAZZLE-markoj!



















**Novial** **Ido** **Nova lingvo frankao**










**„Mapo“** **„Kun E-musoplado“** **Tulipo Esperanto**







**Mendeblas ankaŭ bierokruĉoj**

## Nova Lingvafrankao

**memnome *Lingua Franca Nova* aŭ LFN, estas planlingvo kreita en 1965 de la psikologiisto Dro. C. George BOEREE el la Universitato Shippensburg en Pensilvanio. Nova Lingvafrankao baziĝas sur la franca, itala, portugala, hispana kaj kataluna. La lingvo estas fonetike skribita per 21 literoj de la latina alfabeto aŭ de la cirila alfabeto aŭ de la greka alfabeto. Ĝi estas naturalisma planlingvo bazita sur latinidaj lingvoj, specife sur kreolaj, kiel sur Papiamento kaj Ĉavakano tiel plu. LFN prenas sian nomon de mezepoka Lingvafrankao.**

**Oni ne konfuzu ĝin kun alia similnoma projekto de 19a jarcento citita de Louis Couturat kaj Leopold Leau en ilia *Histoire de la langue universelle*, kiu nomiĝis simile Lingua franca nuova. (El Vikipedio)**

## Novial

**La mallongigo de *Nov IAL (international aŭiliari lingue)*, (t.e. nova internacia helplingvo] estas planlingvo kreita fare de dana lingvisto Otto Jespersen en 1928 por esti internacia helplingvo. Jespersen estis frua subtenanto de Esperanto. Li servis kiel membro en la Delegacio por la Alpreno de Internacia Helplingvo dum 1907, kiam Ido aperis. Post la delegacio Jespersen subtenis Idon. Tamen, la Ido-movado disfalis dum kaj post la Unua mondmilito, kaj Jespersen kredis ke difektoj en la lingvo kulpas. Li tial kreis sian propran projekton Novialo.**

**Post Ido, Occidental (poste nomata *Interlingue)* gajnis popularecon kiel "natureca" lingvo. La lingvo de Jespersen celas kaj naturecon kaj facilecon. Novialo havas gramatikajn finaĵojn samkiel Esperanto. Tamen, ĝi uzas malsamajn finaĵojn.**

**Jespersen faris malgrandajn ŝanĝojn al la lingvo dum 1934 kaj eĉ poste. Kiam Jespersen pasis al IALA, lastaj novialistoj kreis komisionon por reformi la lingvon en 1937. Valter Ahlstedt estis unu el la membroj de ĝi. Pro lia influo, la nova versio de Novial proksimiĝis al Okcidentalo. Lia "Gramatike interlingual" de 1947 estis aprobita kiel nova oficiala gramatiko de Novial, sed, Novialo preskaŭ pereis kun la morto de Jespersen en 1943. Valter Ahlstedt kaj Andrea Baietti el Italio estis eble la nuraj homoj kiuj parolis Novialon al alilandano.**

**En 1997 grupo klopodis revivigi la projekton per Interreto. Ili diskutis ŝanĝojn en la lingvo. Alia nova grupo nun uzas la lingvon ĉe Yahoo Groups! En 2006 okazis voĉdonado kiun sekvis lanĉo de noviala vikipedio kiu en majo 2008 entenas pli ol 2000 artikoloj, kaj kvankam estas pli ol cent enskribiĝintaj uzuloj ŝajnas ke precipe unu sola uzulo iom aktivas. Laŭ la diskuto dekdu ĝis dudek homoj disigitaj inter diversaj landoj en la tuta mondo estus kapablaj paroli novialon. (El Vikipedio)**




La glumarko

## 67a kongreso de SAT-Amikaro
## 7.-10. aprilo 2012 en Chateroux, Francio

**Mezuro: 90x20 mm, memglua**
**Koloroj: multkolora**

**Bildo: Ĉapelita viro en blua mantelo**
**kun vinbotelo sub brako, ruĝa kravato.**
**La desegnaĵo uzita ankaŭ por la samtema**
**individua E-poŝtmarko. (Montrita en LVL 160)**
**Desegnis: Serge Sire, instruisto pri pentrado.**
**Sendis: Jean Amouroux. Dankon al vi!**




La individua pm




## 65-a Kongreso de
## Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista
**14. - 21. 07. 2012 en Pecs, Hungario**

**Mezuro: 53x65**
**Bildo kaj koloroj: blua fono, flavaj turoj,**
**Eldonis: LKK Informis: Marija Belojević**

## Serĉata: E-sigelmarko

## 5a Asocitago en Chemnitz
**(1924 de GLEA)**

**Eldonita de Jozefo Kocourek en Vieno.**
**Videbla ĝi estas en la ret-bildaro de IEMW**
**kaj tekste en nia glm-katalogo.**
**Kiu ĝin posedas en originalo?**



우 편 엽 서

보내는 사람

받는 사람

esperanto100

1887-1987 에스페란토

국제어에스페란토 발표100주년 기념

우 편 엽 서

보내는 사람

prof. d-ro so gilsu 서 길 수
korea respubliko, seulo,
rok-158 600, yangchon p.o.kesto 11
158-052 한국 서울 양천구 목2동 548-301
(02)646-5413(hejma), (02)919-0411(univ.)

받는 사람

제2회 에스페란토 우표전시회
dua e-filatela ekspozicio

4322 oktobro 14-20
magazeno hyundai, seulo

al S-ro
Rudolf Burmeister
DDR-9047 Karl-Marx-Stadt
W. Firl-Str. 30
GDR/ 동독

우 편 엽 서

보내는 사람

prof. d-ro so gilsu 서 길 수
korea respubliko, seulo,
rok-158 600, yangchon p.o.kesto 11
158-052 한국 서울 양천구 목2동 548-301
(02)646-5413(hejma), (02)919-0411(univ.)

받는 사람

제3회 에스페란토 우표전시회
3-a e-filatela ekspozicio
unua poŝtisto

1990 novembro 27-decembro 4
poŝta muzeo, seulo

산업평화 이룩하여 경제난국 이겨내자

Rudolf Burmeister
W. Firl Str. 30.
DDR-9047 Karl-Marx-Stadt
Germanio/ 동독

우 편 엽 서

보내는 사람

받는 사람

ESPERANTO

제 79 차 세계 에스페란토 대회 기념
79-a Universala Kongreso de Esperanto
1994

우 편 엽 서

L.L.Zamenhof 1859.12.15.~1917.4.14.

보내는 사람

받는 사람

La 100 jariĝo de esperanto en KOREIO
1906~2006 국제어 에스페란토도입 100주년(1)

우 편 엽 서

La 43a Korea kaj la 98a Japana
Esperanto-kongresoj, komune

KOMUNA ESPERANTO-KONGRESO de Japanio kaj Koreio

2011년 (서울 성남)
한일공동에스페란토대회

NIPPON 50

우 편 엽 서
POST CARD

항공우편
PAR AVION

ESPERANTO
125
1887-2012

From.

To.
















**1988 1989 1990 1994 2006**

## E-filatelistoj en Koreio:

| | |
|---|---|
| **KANG Hon-gu** | **Iniciatis E-pk-on por la Komuna Korea-Japana EK kaj tradukis la 10 jubileajn E-pk por „100 jaroj KEA“** |
| **D-ro SO Gilsu** | **Organizis 3 E-filatelajn ekspoziciojn en Seulo (La 3-an kun 82 „fenestroj“)** |
| **D-ro SO Jinsu** | **Partoprenis en la 2-a E-filatela ekspozicio** |
| **S-ano LEE Jungke** | **Partoprenis en la 2-a kaj 3-a ekspozicio kaj iniciatis plurajn E-filatelaĵojn** |
| **S-ano LEE Jongha** | **Partoprenis en la 3-a ekspozicio** |
| **S-ano JIN Kihong** | **Partoprenis en la 3-a ekspozicio** |
| **S-ano SHIN Cha shik** | **Prezidanto de Korea Filatela E-Klubo (1990)** |

**Konatiĝis al ni 5 poŝtaj E-stampoj kaj 7 E-poŝtkartoj,**
**La jubilea pk por 100 jaroj KEA ekzistas en dek variaĵoj.**

**Krome ni eksciis pri 2 individuaj E-pm kaj 2 koloraj ekspo-katalogoj (1989 kaj 1990).**



## 18-a IMEK en Opava, Ĉeĥio

**10. - 15. 07. 2012**
**kun bierbotela etikedo**




## „12 grada, duonlitro, BIERO“ (pilzena)

**(alc.: ~ 5,0 % vol.)**
**Ĉiuj partoprenantoj de la 18a IMEK en OPAVA ricevis de la organizantoj 7 botelojn da ĉeĥa biero. Sur ili troviĝis bieretikedo kun la signo de la 18a IMEK. Pro speciala gluaĵo ne eblis deglui la etikedojn. Unu plena originala botelo troviĝas ankoraŭ en posedo de UMEA-ano d-ro Frank Niĉe en Dresden.**

**Gratulon al la LKK! I.a. al s-ano Vlastimil Koĉvara! Bona ideo! Detalojn pri tiu IMEK vi trovas ĉe:**

*http://www.umeaopoka.republika.pl/grafiki/esperanto%20opoava/18_IMEK%20Opava_informoj.pdf*




**1966: UK en Budapest kun „Esperanto-cigaredoj kun filtrilo“. Jen skatolo el la kolekto de Mia Maatman**




# ELF-AREK

*Esperanto-Ligo Filatelista*
*Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj*
*http://www.elf-arek.wz.cz/*

**Prezidantino:**
**Elda Doerfler >testudo.ts@gmail.com<**
**Via Ghirlandaio 18/1 IT-34138 TRIESTE**

*************************************************************************

**Kasisto: Rolf Beau Eisser Kirchweg 18 DE 27333 Schweringen**
**Retpoŝta adreso: >robo.espero@acn-mail.de<**
**Konto: Rolf Beau Commerzbank Hoya Banka kodo: 290 400 90**
**Kontonumero: 420 933 400 IBAN: DE 48 290400900420933400**
**BIC-Code: COBADEFF297**
**UEA-konto: ELF/AREK = Kodo: elfx/r**
**Jarkotizo: € 17.00 - Membroj en socialismaj kaj ekssocialismaj landoj: € 15.00**




**1.5.2013: Memorfolio „60 Jaroj IPA“**
**En ĝi ankaŭ 4 E-temaj ind. pm kun SERVO PER AMIKECO**